# PENSEO

N-ro 157

nov./2004

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 15-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm


**Du Fu** (712-770)

## BELULINOJ

La trian tagon, marte, serenas la vetero.
Ekskursas belulinoj en Chang'an ĉe rivero.
Sinteno eleganta. Kondut' senĝene ĉarma.
Allogas delikata haŭto, gracio karna.
Pompas brokata vesto printempe en brizbano,
kun brodaj pavoj, unikornoj el filigrano.
Kio surkape? Pendas beriloj ĝis tempio.
Kio postdorse? Zonas juveloj ĉe talio.

Troviĝas inter ili Guo kaj Qin Honordamoj —
parencoj en favor' de imperiestraj amoj.
En pot' smeralda: kamelaĵo por karnavalo,
kaj fiŝ' vaporumita sur plado el kristalo.
Tedite de frandaĵoj, manĝiloj ne moviĝas.
Por veki apetiton kuiro ne sufiĉas.
Eŭnukoj algalopis sen levo de polveroj.
Venadas el Palac-kuirejo kurieroj.
Kortuŝas muzikaĵoj al dioj kaj fantomoj.
Strate trafikon ŝtopis amasoj, gastoj, homoj.

Ho, kiel arogante altrudas jen ĉevalo.
Homo descendas, iras grandpaŝe al la halo.
Salikaj floroj kovras sur lemnojn blanklanuge.
Bekprenis ruĝan tukon la Blua Bird' forfluge.
Ne tro proksimen! Brulas potenco premiera!
Nepre evitu ke vi ofendus lin kolera.

(753 p.K.)



elĉinigis Guozhu 2004-11-18

## IRONIO EN KOLORRIĈA BILDO DE VIRINOJ

—Apreze pri la poemo *Belulinoj* de Du Fu

**Guozhu**

Novembre de 2004, mi pretigis la Esperantan eLibron ***Poemoj de Du Fu*** en tri kajeroj kun 149 tradukoj de 155 poemoj sub 125 titoloj. Tiam mi sentis unuflanke grandan ĝojon ke aperis el mia propra mano la frukto de kunlaboro de multaj tradukintoj el multaj landoj dum multaj jaroj, kaj aliflanke ankaŭ bedaŭron ke ankoraŭ mankas certaj gravaj pecoj en nia kolekto. Ĝuste kun tia miksita sento mi plenumis la esp-igon de la poemo *Belulinoj* de Du Fu.

Laŭ krea tempo, *Belulinoj* viciĝis inter la verkoj de frua periodo de Du Fu. Laŭ graveco, ĝi estas neniam mankigebla por ĉiu kolekto de elektitaj poemoj de Du Fu kompilita en Ĉinio. Do tiel estu ankaŭ por nia Esperanta versio!

Ĉar Yang Guozhong, la kuzo de Yang Yuhuan, ekfunkciis kiel la dekstra premiero en la dekunua monato de la dekunua jaro de Tianbao-erao (752 p.K.), tial ĉinaj eruditoj opiniis ke Du Fu verkis tiun ĉi poemon supozeble en la printempo de la dekdua jaro de Tianbao-erao (753 p.K.),Tang-dinastio.

Komence de la poemo ni legas pri la tempo (festotago), loko (Qujiang-rivero), kaj protagonistoj(belulinoj).

Laŭ antikva moro, la tria tago de la tria monato lunkalendare estis nomata festo Shangsi, tago de printempa ekskurso por virinoj. Kiom pli okaze de serena kaj bona vetero! Kolektiĝis svarmoj da belulinoj ambaŭborde ĉe Qujiang-rivero, pitoreska

vizitindejo sude de la ĉefurbo Chang'an de Tang-imperio. Ili ekskursas, por ĝui la printempon, ankaŭ por konkuri inter si, pavante per sia beleco.

Per delikataj lingvaĵoj la poeto detale skribis pri iliaj aspekto, belfiguro, vestado, ornamaĵoj, kaj imponaj spektakloj.

La belulinoj ĉiuj havis buteran haŭton, sveltan figuron, elegantan sintenon kaj vestis sin en diversaj brokataj vestaĵoj, sur kiuj aŭ estas broditaj pavoj el oraj fadenoj, aŭ unikornoj el arĝentaj filigranoj. Smeraldaj ornamaĵoj sidas surkape. Juvelaj zonoj strikte ĉirkaŭas talie.Ili paradas kokete, tamen ŝajnigante sin bonvirtulinoj. Ili odoras per fiero, sed samtempe ankaŭ kun naiveco.

De la spektakla sceno la poemo subite turniĝis al skribo pri parencoj-bofratinoj de imperiestro. Siatempe la imperio jam ĝuis jardekojn da paco kaj prospero. La imperiestro Tang Xuanzong dorlotis sian amatan Nobeledzinon Yang Yuhuan. Kaj, kaŭze de tio, la fratinoj de Yang Yuhuan ankaŭ ĝuis grandan favoron de Lia Majesto. La plej aĝa fratino de Yang Yuhuan estis titolita kiel Honordamo de Hanguo, la tria fratino kiel Honordamo de Guoguo, la oka fratino kiel Honordamo de Qinguo. Ili venis al la bordo de Qujiang, por okazigi tie luksan karnavalon. Palaca Kuirejo de la imperiestro pretigis por ili kuriozajn frandaĵojn:

En pot' smeralda: kamelaĵo por karnavalo,
kaj fiŝ' vaporumita sur plado el kristalo.



Eŭnukoj seninterrompe galopis survoje, alsendante la ambroziajn frandaĵojn, tamen sen levo de polveroj. Jen kia imponeco! Jen kia spektaklo! Tamen, antaŭ tiel raraj manĝaĵoj, tiuj Honordamoj pro tediĝo eĉ ne movis siajn manĝbastonetojn el rinocera korno dum longa tempo. Tiel ke la laboraĵoj de la majstraj kuiristoj en Palaca Kuirejo rezultiĝis nur vana penado.

Antaŭ la festeno ludiĝis muzikaĵoj kiuj povis kortuŝi diojn kaj fantomojn.

Multaj altrangaj korteganoj ankaŭ venas kiel gastoj de la Honordamoj.

Surpriza estis la apero de la lasta alvenanto. Li algalopis rekte ĝis la halo, descendis desur ĉevalo, grandpaŝe marŝis sur la luksa tapiŝo kaj arogante, eĉ sen anonco, eniris por renkontiĝi kun la Honordamoj.

Ho vere gapiga sceno! Laŭ konduto ĉu tiu estas Yang Guozhong, la premiero!

En la *Biografio de la Nobeledzino Yang de Imperiestro* de La Malnova Historio de Tang-dinastio legiĝas jena skribo:

"Ĉiujare, en la deka monato, la imperiestro Tang Xuanzong veturis al la Palaco Huaqing, kaj lin akompane sekvis la domanoj de kvin gefratoj Yang. El domanoj de ĉiu familio formiĝis unu trupo kaj ĉiu trupo en uniformo kun aparta koloro. Kiam kune marŝis la kvin trupoj, ili formis spektaklon pompan kiel kune disfloras cent floroj."

En la *Ekstera Biografio de Yang Yuhuan* de Muzika Historio ankaŭ legiĝis jene, ke

"La Honordamo de Guoguo ankaŭ adultis kun Yang Guozhong, eĉ sendiskrete. Dum vizito al la Kortego, Yang Guozhong kaj Honordamo de Guoguo ofte veturis unu apud la alia. Ili svingis vipon kaj spronis en ŝerco la galopon. Ilin sekvis eskorto el pli ol cent palacaj eŭnukoj kaj maljunaj servistinoj, kun torĉoj kiuj lumigis ĉirkaŭan lokon kvazaŭ en tago.Ilia parado en pompaj vestoj estis tute senŝirma. Nuboj da spektantoj kolektiĝis apud stratoj kvazaŭ muroj, ĉiuj kun vesuspiroj surprizite."

Ke "Salikaj floroj kovras sur lemnojn" en la sekvaj versoj, unuflanke tio estas vera pejzaĝo ĉe Qujiang-rivero, samtempe la "Salika floro"

ankaŭ homofone aludas pri la familia nomo Yang. Laŭ onidiro ke salikaj floroj falintaj en akvon transformiĝis al lemnoj, do ĝi ankaŭ sugestis pri la suspektinda amorrilato inter Yang Guozhong kaj Honordamo de Guoguo.

Ankaŭ la Blua Birdo estis el ĉina mito. Origine ĝi estis fea birdo en la Jada Monto kaj kuriero de Xiwangmu, la Diino, sed poste ĝi estis vastsence uzata kiel peranto inter geam(or)antoj. El familio Yang aperis kaj la Nobeledzino de imperiestro, kaj la premiero, kun vere granda potenco, kiu vundas! Do vi nepre ne proksimiĝu senintence inciti!

Trajto de tiu ĉi poemo estis abunda: delikata priskribo, bunta kaj pimpa koloroj, impona sceno, nenia frivola travestio aŭ troigo kiel en karikaturo. Legiĝas nenie primoko, sed ĉie. Nenie vesuspiro, sed ankaŭ ĉie. Tiel, per seriozaj kvazaŭ-laŭdaj versoj la poeto brile plenumis la mision malkaŝi koruptiĝon kaj skurĝi dekadencon de la socio.

Post publikigo de la poemo *Belulinoj* de Du Fu, aperis en malsamaj eraoj bonaj pentraĵoj kun tiu temo. Inter kiuj la elstara ĉefverko estis la *Honordamo de Guoguo en Printempa Ekskurso* verkita de la fama pentristo Zhang Xuan, kiu estis lokano de Chang'an kaj funkciis kiel palaca pentristo en la imperia pinakoteko dum la eraoj Kaiyuan(713-741) kaj Tianbao(742-756). Li plej lertis en pentrado pri nobelaj virinoj kaj knabinoj, kreante la stilon pri virinoj en Prospera Tang-dinastio kun kurbaj brovoj kaj grasaj vangoj. En majo de 1995 Ĉina Poŝto emisiis specialan duopan poŝtmarkon *Honordamo de Guoguo en Printempa Ekskurso*.

2004-11-19

# Sovaĝa Herbo

**Xiayan**

Estas tia rakonto:

Iu demandis, kio estas la plej forta en la mondo. La respondoj suficĉe variis. Iuj respondis per “elefanto”, aliaj per “leono” kaj triaj ŝerceme per “diamanto” — tamen, kiel forta estas la diamanto, kompreneble neniu scias entute.

Sed fakte, ĉi ĉiuj respondoj tute eraras. Tio, kio estas la plej forta en la mondo, estas nenio alia ol la plantaĵa semo! La forto, kiun unu semo povas elmontri, simple superas ĉion. Ĉisube legiĝas alia rakonto:

La homa kranio estas tiel kompakte kaj fortike kunigita, ke fiziologoj kaj anatomoj neniel povis ĝin perforte dividi popece, kvankam ili jam eluzis ĉiom da siaj rimedoj por fari tion. Poste, oni elcerbumis alian rimedon: enmeti semojn en la sekcotan kranion, kaj provizi ilin per konvena varmeco kaj humideco por ilin burĝonigi. Je burĝonado, la semoj kapablas, per teruriga forto, popece dividi la kranion, kion ĉiuj mekanikaj fortoj ne povas plenumi. Kiel granda estas la forto de semoj!

Tio, kredeble, estas iom speciala, tiel ke ordinaruloj ne povas facile kompreni. Sed do, ĉu vi vidis kiel kreskas bambuŝosoj? Ĉu vi vidis kiel vegetas herbeto subpremata de rubo aŭ ŝtonoj? Por sin bani en sunradioj, por realigi sian volon de vivekzisto, ŝi certe pli aŭ malpli rekte kaj obstineme elpuŝiĝas supren de sub tero el inter la mallarĝa spaco de ŝtonoj, spite al pezego de ŝtonoj sur si. Ŝiaj radikoj suben etendiĝas en tero kaj ŝiaj ŝosoj sin puŝas supren. Tio estas ne rezistebla forto kaj la ŝtonoj, kiuj malhelpas ŝin, definitive estas renversitaj de ŝi. Kiel granda estas la forto de semoj!



Neniu konsideras herbeton “giganta”, sed ties forto estas senkompara en la mondo. Tia forto estas vivipovo, nevidebla al ordinaruloj. Se nur ekzistas vivo, tia forto nepre sin montras. La ŝtonoj sur ĝi neniel povas bari al ĝi la vojon, ĉar ĝi estas la forto de “longdaŭra rezistado”, la forto elasta, fleksebla, obstinema kaj neĉesigebla sen atingi la celon.

Kiam semoj falas inter rubon anstataŭ en fekundan grundon, tiuj vivfortohavaj semoj nepre ne fariĝas pesimismaj, suspirante, ĉar ili povas sperti hardadon el malhelpado. Nur tiuj herboj, kiuj ekluktadis je la komenciĝo de sia vivo, estas ja tenacaj; kaj ankaŭ nur tiuj herboj rajtas fiere priridi vazflorojn kulturatajn en vitrodomo.

Elĉinigis Xiong Linping

*Xiayan(1900-1995), pseŭdonimo de Shen Duanxian, ĉina fama moderna verkisto.

# La Prudenta Putino Feng Diecui

S-ro Ye el suda Ĉinio komercis en norda urbo Daliang. Li korinklinis al putino nomata Feng Diecui(Papilia). S-ro Ye fordisipis ĉiom da sia riĉaĵo en la bordelo, kaj fine dronis en stato de malsato kaj frosto, tiel ke li vole-nevole vivtenis sin kiel dungito en muelejo.

Post longa disiĝo, foje la putino Papilia rajdante sur azeno veturis preter la muelejo kaj vidis ke s-ro Ye sunumis tritikojn surstrate.

Papilia descendis desur la azeno, mem iris en kvieta strateto kaj sendis sian azeniston alvoki s-ron Ye.

S-ro Ye ĉargene respondis ke li hontas revidi ŝin. Sed post devigo li fine alvenis. Larmante Papilia demandis al Ye:"Ho ve, ĉu vi fariĝis mizera pro vizito al mi?"
Kaj ŝi donacis al Ye du taelojn da arĝento, dirante:"Aĉetu per tio novan veston, alivestigu vin ĝentila s-ro kaj revizitu al nia bordelo!"

S-ro Ye agis laŭ ŝia admono. Papilia subdonacis al li 50 taelojn da arĝento kun kora admono:"Foriru kaj pene gajnu vian vivtenadon!"

Tamen s-ro Ye dronis en nesavebla amo. Rapide elĉerpiĝis lia mono kaj li denove laboris dungite en la muelejo.

Post unu jaro, okazis denove hazarda revidiĝo de Papilia kiel lstfoje.

Papilia demandis lin:"Ĉu vi ankoraŭ estas inda viro?"

Ŝi pene invitis lin al ŝia loĝejo kaj redonacis al li 10 taelojn da arĝento, dirante:"Elĉerpiĝis mia monujo. Se vi ankoraŭ restos en bordelo, mi certe mortigu min per sinpendigo por senigi vian sopiron!"

S-ro Ye akceptis la donacon, per tiu kapitalo li aĉetis tolojn kaj vendis en Shaanxi-provinco, akiris duoblan profiton. Poste li aĉetis drogojn kaj vendis en urbo Yangzhou, akiris pluroblan profiton.

Li negocis tri jarojn kaj gajnis milojn da argxento. S-ro Ye pagis mil taelojn elaĉeti Papilia-n kaj prenis ŝin edzino kune reveni al sia hejmloko.

Trad. Guozhu

el la volumo IV de "Amrakontoj"

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio

Tel: (0757) 86366253 (hejme)

E-poŝto: vejdo@elerno.net

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_